menciu

# INTERNACIA ĴURNALISTO



JARO XVII, N-ro 1, 1978

Organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## DENOVE SUR SIA POSTENO

Ĝojiga estas la fakto, ke nia organo "Internacia Ĵurnalisto" ree komencas aperi. Tio estas rezulto de la Jarkunveno de TEĴA, okazinta en Varna, Bulgario, ĉi jare, en la kadroj de la 63-a Universala Kongreso de Esperanto. Post la serioza pridiskuto de la organiza stato de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA) la partoprenantoj de la jarkunveno decidis, ke nia organo ree ekstari sur sia posteno. "Internacia Ĵurnalisto" ekaperos ankaŭ pro la favoraj kondiĉoj, ekzistantaj nun en Bulgario. Ĝiaj redaktoroj, kiel antaŭe, estas pretaj daŭrigi sian abnegacian laboron.

"Internacia Ĵurnalisto" estas organo de ĉiuj esperantistoj-ĵurnalistoj. Tial ĝi bezonas la regulan kunlaboron de siaj legantoj. Krome la redakcio atendas ankaŭ iliajn sugestojn kaj rekomendojn por la plibonigo de ĝiaj enhavo kaj formo. Oni devas sendi regule priĵurnalistajn artikolojn, eseojn, vojaĝimpresojn, informojn pri la agado de la ĵurnalistoj en la mondo, humuron kaj satiron, fotojn, karikaturojn ktp.

Ek al kunlaborado al nia kara "Internacia Ĵurnalisto"!

o———o

Gekolegoj, bv. sendi al "IĴ" adresojn de ĵurnalistoj-esperantistoj!

SUKCESA JARKUNVENO DE TEĴA

La antaŭpreparo. La prezidanto de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio Olav Thormodsen kaj la vicprezidanto Ivan Keremidĉiev-Esperov dissendis al ĉiuj membroj de TEĴA specialan cirkuleron konekse kun la pliaktivigo de la agado de TEĴA kaj la antaŭstaranta Universala Kongreso de Esperanto en Varna, Bulgario, ĉi jare. En la cirkulero ili turnas sin al la TEĴANOJ interalie jene:

"Karaj gekolegoj,

Dum la lastaj jaroj, pro la malapero de ĝia organo "Internacia Ĵurnalisto" kaj ankaŭ pro iuj aliaj kaŭzoj, nia TEĴA-afero ne prosperas. Nun la kondiĉoj iom pliboniĝis kaj ni devas per komunaj fortoj de estraranoj kaj membroj fortikigi nian asocion kaj plivigligi ĝian agadon. Tial ni devas denove eltrovi kaj enlistigi la ĝisnunajn membrojn kaj varbi novajn..."

"... Karaj geamikoj, kiel sciate, la 63-a Universala Kongreso de Esperanto okazos ĉi jare en la belega, apud Nigra maro, bulgara urbo Varna. La bulgaraj TEĴA-anoj preparis tiuokaze specialan programon por la TEĴA-manifestiĝoj: kunvenon, renkontiĝojn, vizito de la ĉemara Internacia Ĵurnalista Ripozdomo ..." ktp.

Responde al la cirkulero pluraj kolegoj buŝe kaj perletere salutis kun ĝojo la iniciativon kaj anoncis sian aliĝon al la jarkunveno de TEĴA.

La jarkunveno de TEĴA. Ĝi okazis la 3-an de aŭgusto 1978 en la kadroj de la plej brila ĝis nun, plej riĉenhava kaj multnombra Universala Kongreso de Esperanto (dua post Nürnberga 1923) laŭ aliĝintoj. En unu el la salonoj de la Internacia Ĵurnalista Ripozdomo ĉe la bordo de Nigra maro kolektiĝis kvardeko da ĵurnalistoj esperantistoj: el Bulgario, Norvegio, Nederlando, Egiptio, Sovetunio, FR Germanio, Ĉeĥoslovakio, Italio, Pollando, Hungario, Jugoslavio , Greklando, Belgio kaj Izraelo.

La prezidanto de TEJA, s-ro O. Thormodsen el Norvegio, okupanta longjare tiun ĉi postenon, malfermis la jarkunvenon per konvenaj vortoj, salutis elkore la ĉeestantajn kolegojn kaj bondeziris al ili sukcesan kaj fruktodonan laboron. Li dankis al la organizantoj - bulgaraj kolegoj pri la bona organizado de la jarkunveno. Poste la partoprenantoj elektis buroon, kiu gvidis la laboron. Laŭ propono de la prezidanto oni elektis por prezidanto Iv. Keremidĉiev-Esperov kaj por sekretario-protokolisto la kolegon Dimo Trudoljubov. Laŭ la interkonsento de Thormodsen, Keremidĉiev kaj Trudoljubov la prezidanto de la kunveno proponis la jenan

Tagordon: 1. Raporto pri la nuna stato de TEJA-de la prezidanto de la Asocio Thormodsen; 2. Laborplano por la estonta agadjaro - proponas Keremidĉiev kaj 3. Elekto de nova estraro de la Asocio.

La raporto de s-ano Thormodsen estis kritika kaj memkritika. Li notis la utilan laboron de TEJA kaj de ĝiaj membroj por propagando de esperanto kaj per la Internacia lingvo - por la interĵurnalista profesia kunlaborado. Sed en la lastaj jaroj estas mankoj en nia laboro: ĉesis aperi nia organizanto kaj propagandisto "Internacia Ĵurnalisto", la ligoj kun la membroj de la Asocio kaj inter ili mem malfortiĝis. Ne sufiĉe forta estas la influo de la ĵurnalistoj-esperantistoj al la neesperantista gazetaro pri gravaj tuthomaraj problemoj, ekzemple pri la batalo de la popoloj por paco kaj interkompreniĝo, pri la batalo kontraŭ la rasa diskriminado de iuj regpotencoj ktp. S-ano Thormodsen rekomendis rapidan forigon de niaj labormankoj, pliboniĝon de nia agado, kio estas tasko de la nova estraro kaj de ĉiuj niaj membroj.

Post la raporto de nia TEJA-prezidanto okazis viglaj kaj interesaj pridiskutoj.

S-ino Ada Sikorska, ĉefredaktoro de "Heroldo de Esperanto", rekomendis la altiron de novaj membroj; inter nia

TEJA kaj la aliaj organizoj-profesiaj, kulturaj, sportaj k.a. ni devas krei intimajn ligojn. Oni devas altiri ankaŭ neprofesiajn ĵurnalistojn (B-membrojn), kiuj estas granda forto. Ekz. en Ĉeĥoslovakio estas bona agado de neprofesiuloj-kolegoj.

S-ano Georgi Mihalkov, bulgara esperanto-poeto, laboranta nun en la redakcio de la E.revuo "Hungara Vivo" en Budapeŝto, esprimis sian egan ĝojon pro la ebleco ĉeesti la jarkunvenon de TEJA, en kiu partoprenas ankaŭ elstaraj ĵurnalistoj kiel ges-anoj Sikorska, Thormodsen, Esperov, Harkovskij k.a. La parolanto substrekis, ke nia agado ne estas nacia, sed internacia, kio difinas la taskojn de la TEJA-anoj. S-ano Mihalkov rekomendis al la nova estraro prepari kaj disdoni al niaj membroj novajn specialajn membro-kartojn, per kiuj nia membraro prezentos sin al diversaj instancoj.

La vicprezidanto de TEJA Tadros Megalli rakontis pri siaj vojaĝoj - kiam li estis en Egiptio, propagandcele. S-ano Megalli tradukis bibron de germana aŭtoro. Ankaŭ li pledis por aktivigo de TEJA.

S-ino Ljudmila Paspaleeva (Bulgario) rekomendis oftan kunlaboradon de ĵurnalistoj-esperantistoj al diversaj esperantaj kaj neesperantaj revuoj kaj ĵurnaloj per diversaj ĵurnalistaj, belartaj kaj aliaj materialoj. Tiel ili faros propagandon de nia lingvo, ni gajnos novajn membrojn. Inter la TEJA-anoj devas ekzisti pli intimaj kontaktoj kaj interkunlaborado.

Pri la sukcesoj de Esperanto en la radio-dissendo kaj ĝenerale parolis la kolego Aleksadro Harkovskij (USSR). "Ni devas penetri en ĉiujn ilojn de amasa informado - gazetaro, radio, televido k.a. Jam Radio Moskvo foje elsendis emision esperantlingvan kaj la radio-estraro ricevis multajn salutojn tiukaze. Ni preparas novajn radio-materialojn". - diris la sovetunia kolego. -"Ni ĉiuj TEJA-anoj devas esti veraj apostoloj de la internacia lingvo. Tiel mi - kiel re-

daktoro de la revue "Vokrug Sveta" (Ĉirkaŭ la Mondo), kiu aperas en 3 milionoj da ekzempleroj - regule uzas esperantajn meterialojn kaj leterojn de Japanio, Brazilio k.a. Landoj".

Interesa estis la eldiro de s-ino Anna Brennan, kunlaborantino en la Centra Oficejo de Universala Esperanto-Asocio, respondecanta pri "Gazetara Servo" en UEA, Rotterdam, Nederlando. S-ino Brennan tuŝis la demandojn pri la kontaktoj kaj la kunlaborado inter la ĵurnalistoj-esperantistoj kaj la oficoj de UEA kaj speciale kun ĝia "Gazetara Servo". Tiu kunlaborado estos tre fruktodona por nia nobla afero. Se ni efektivigos tiun ĉi kunlaboradon, UEA kaj la ĵurnalistoj reciproke povus uzi pli da gazet-materialoj, ankaŭ leterojn, fotojn, novaĵojn pri Esperanto kaj pri la E-movado. Tiujn materialojn efike ni povas utiligi ankaŭ por la neesperantista publiko". Pri nia rezultodona laboro kiel ĵurnalistoj parolis s-ino Mika Andrić (Beograd, Jugoslavio). -"Ni devas regule kunlabori al multaj neesperantaj ĵurnaloj kaj revuoj. Por tio ni plenumos inde nian devon kiel ĵurnalistoj kaj ni kontribuos bone al la propagando de Esperanto kaj la E-movado. Tiurilate donas bonan imitindan ekzemplon nia aktivulo Marinko Ĝivoje el Zagreb, Jugoslavio".

Nia aktiva kolego Oldřich Knihal (Prago, Ĉeĥoslovakio) emfazis pri nia devo ĉiuflanke helpi la redaktoron de "Int. Ĵurnalisto" Ivan Ker. Esperov en la aperigo de nia asocia organo. Farante tion ni samtempe plifortigos niajn intimajn kontaktojn inter ni kaj la redakcio. Ni tre ege ĝojas, ke la nuna jarkunveno estas tiel aktiva. S-ano Donĉo Hitrov (Sofia, Bulgario) parolis pri la regula pagado de la membrokotizo al TEĴA kaj la abonkotizo de "Int. Ĵ-sto". Li rekomendis kunlaboradon kun ĉiaj E-organizoj ekz. kun "Foto-Kino".

Ĉiuj parolantoj donis ideojn pri diversflanka agado. La kolego Lech Kosienak (Varsovio, Pollando) diris, ke la gazetaro estas granda forto. Per nia profesia laboro, per utiligo

de multaj eldonaĵoj ktp. ni povas sukcese praktiki nian profesion, sed ankaŭ kontribui al la propagando de Esperanto.

La aktiva pridiskuto de la raporto donis eblecon al iuj el la jam parolintoj denove peti la parolon por doni ion novan aŭ rekomendi aliajn iniciatojn - reciprokan gastadon, interŝanĝon de gazet-materialoj, kunlaboradon kun la Gazetara Servo de UEA k.a.

Sian kontenton de la aktiva diskutado esprimis la vicprezidanto de TEJA Iv. Esperov. La eldiroj montris tutan programon por agado de TEJA. Li tralegis la projekto-planon.

<u>Plano por estonta laboro de TEJA</u>: S-ano Esperov montris la plej gravajn kaj urĝajn taskojn de la nova estraro de TEJA:

a. Estas necese klopodi por la eldonado de nia organo "Int. J-sto", kiun gravan taskon efektivigos la bulgaraj kolegoj. Respondeculo pri aperigo de "I.J." estas la ĝisnuna ĉefredaktoro Esperov.

b. La estraro kaj speciale la sekretario s-ano Dino Fabris kaj la vicprezidanto Iv.K. Esperov devas precizigi la nomaron de niaj membroj - kiuj estas regulaj kaj ne, kiuj estas "A" kaj "B"-membroj kaj pliĝustigi iliajn adresojn.

c. La estraro kaj ĉiuj membroj devas entrepreni varbadon de novaj membroj unuavice inter la redaktoroj kaj kunlaborantoj de la esperantaj eldonaĵoj. Samtempe oni devas organizi kursojn por naci-lingvaj ĵurnalistoj.

d. Pliaktivigi la kunlaboradon inter TEJA kaj la teĵanoj kaj la Gazetara Servo de UEA.

e. Starigi Gastigad-Servon ĉe TEJA, kiu plifaciligu la interĵurnalistan gastigadon kaj turismon.

f. Pliaktivigi la kunlaboradon inter la TEJA-anoj.

g. Aktiva kunlaborado al "Internacia Ĵurnalisto" per diversspecaj materialoj ĵurnalistaj kaj rekomendoj al ĝia redakcio por plibonigo, variigo kaj plibeligo de nia organo.

La estonta plano de agado de TEJA ampleksos ankaŭ la proponojn de la diskutintoj.

Elekto de nova estraro. Post serioza pridiskuto la jarkunveno unuanime elektis la jenan estraron: prezidanto - Olav Thormodsen - Haugesund, Norvegio, vicprezidantoj- Ivan Keremidĉiev-Esperov (Sofia, Bulgario), kiu estos samtempe ĉefredaktoro de nia presorgano; Tadros Megalli (GFR) kaj N.F. Danovskij, Riga, USSR; ĝenerala sekretario - Dino Farbis, (Cittadella, Italio); membroj de la estraro: s-ino Anna Brenan (Rotterdam, Nederlando), A.W. Thomson (Anglio), Aleksandr Harkovskij (Moskva, USSR) kaj Donĉo Hitrov (Sofia, Bulgario).

Post la elekto la ŝatata prezidanto de nia asocio eldiris sian kontenton pri la granda aktiveco kaj rezultodona laboro de nia jarkunveno en Varna, kiu estos grava mejloŝtono en nia TEJA historio. Li dankis al ĉiuj ĉeestantoj pri la serioza laboro, salutis ilin tutkore, bondezirante al ĉiuj bonan sanon kaj konscian aktivecon por la prospero de nia asocio. Per tio li fermis la jarkunvenon 1978 en Varna, Bulgario.

o———o

En la kongresa programo niaj ĵurnalistoj partoprenis en pluraj entreprenoj plej aktive. Iuj en LoKoKo, aliaj kiel respondeculoj de fakkunvenoj ktp, pro tio la plimulto de niaj TEJAnoj ne partoprenis la jarkunvenon de nia asocio. Sed ili tre interesiĝis pri ĝia laboro. Post la jarkunveno kaj post la fino de la UK de Esperanto ĉiuj niaj membroj disiĝis amike, promesante al si kunlaboradon kaj renkontiĝon en la 64-a UK en Svislando.

o———o

SALUTOJ AL LA JARKUNVENO KAJ DEKLAROJ PRI REALIĜO AL TEJA

Post la dissendo de la estrara cirkulero antaŭ-jarkunvena kelkaj teĵanoj kun ĝojo sin anoncis al la estraranoj Thormodsen kaj Esperov, salutante la jarkunvenon. La ŝatata ekssekretariino Maria Fogel el GFR skribis: "Estimataj samideanoj, via rondletero, kiu atingis min hodiaŭ, tre ege ĝojigis min kaj mi kore dankas..." La kolego Ŝtefan Freamat el Bukureŝto, Rumanio, kontentas: "... Mi ricevis vian cirkuleron, el kiu mi kun ĝojo eksciis, ke oni intencas redoni vivon al nia TEJA...". Pri sia reali-

ĝo al TEJA anoncis sin ankaŭ de "I.J". Salutojn, ideojn
Lev Fiŝbejn (USSR). Salutis la pri laboro kaj adresojn de
jarkunvenon Robert Castelo ĵurnalistoj-esperantistoj en
(Andora) kaj Jurij Nazarenko USSR sendis al ni ankaŭ
(USSR). Pri liaj okupoj ni s-ano N. Danovskij (USSR).
skribos en la sekvonta numero

\- - - - - - -

63-a UK en Varna, Bulgario kaj la bulgaraj rimedoj por amasa informado kaj filmo

Nia informo limiĝas pri la periodo ekde la gazetara konferenco en Sofio /18.VII/ ĝis la tagoj post la kongreso. Pri la preparaj laboroj en daŭro de du jaroj aperis kelkdeko da artikoloj kaj informoj en la gazetaro aŭ disvastigitaj pere de la radio.

En 6 ĉefurbaj ĉiutagaj ĵurnaloj aperis entute 21 materialoj. La plej influa kaj plej disvastigita en la lando ĵurnalo "Rabotniĉesko Delo" /850 000 ekz./ aperigis 8 prikongresaĵojn. Pri la kongreso informis ankaŭ 3 ĉefurbaj semajnaj ĵurnaloj per 10 kontribuaĵoj. En 8 provincaj ĵurnaloj trovis lokon 19 materialoj. El tiu nombro 8 apartenas al la ĵurnalo "Narodno Delo", eldonata en la kongresa urbo Varna. En 3 ĉefurbaj monataj kaj unu provinca gazetoj aperis 7 prikongresaj materialoj.

Do sume 29 bulgaraj ĵurnaloj kaj gazetoj aperigis 57 artikolojn kaj informojn pri 63-a Universala Kongreso de Esperanto. Grandan parton de tiuj prikongresaj materialoj verkis neesperantistaj ĵurnalistoj.

La nacia Radio Sofia dum la kongresaj tagoj ĉiutage informis en siaj ĉefaj emisioj pri la kongreso. La regiona Radio Varna ankaŭ informis ĉiutage. Laŭ nia scio la regiona Radio Plovdiv disaŭdigis dufoje prikongresaĵojn. La Bulgara Televidio kelkfoje informis pri la Kongreso. Krome ĝi donis lokon al 4-minuta intervujo kun d-ro H. Tonkin, prezidanto de UEA.

La Bulgara Kinematografio en sia aktuala semajna kinoĵurnalo dediĉis detalan raportaĵon pri la kongreso, spektata en daŭro de tuta semajno en ĉiuj kinejoj de la lando antaŭ la ĉefa filmo.

Ankaŭ la 34-a kongreso de TEJO ne estis neglektata fare de la bulgara gazetaro. Pri ĝi ni vidis 8 materialojn en 3 ĉefurbaj ĵurnaloj kaj en ĵurnalo "Borba" en la kongresa urbo Veliko Tarnovo.

Kr. Karucin

- - - -

Gekolegoj, la estraro petas treege ĉiujn vin: tuj sendu vian membrokotizon (1,50 dolaro, 2 bulgaraj levoj aŭ la egalvaloro en via nacia mono) por la nuna 1978 jaro. La monon sendu laŭ viaj eblecoj al la prezidanto Thormodsen, la vicprezidanto Esperov aŭ al la sekretario-kasisto Dino Farbis.

- - ... - -

Grava devo de ĉiu teĵano estas kunlabori aktive al la redakcio de nia organo "I.J."! Bonvolu sendi viajn kontribuaĵojn baldaŭ al la redaktoro Esperov.

- - - -

## ADRESOJ DE TEJA-MEMBROJ

### ESTRARO DE TEJA

Prezidanto - Olav Thormodsen, box 59, Haugesund, Norvegio. Vicprezidantoj - Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv. "Borovo", blok 219, B, 1680 Sofia, Bulgario. (Li estas ankaŭ ĉefredaktoro de "Internacia Ĵurnalisto"; Tadros Megalli, D-8381 Rossbach, FRG (adreso ne kompleta); Nikolaj Danovskij, 226014 Riga 14, ul. "Ostrovskogo" 4-4, Sovetunio. Generala sekretario kaj kasisto - Dino Farbis, Borgo Bossano 5, Cittadella, (Padova), Italio. Membro-estraranoj: S-ino Anna Brennan, Niewe Binenweg 176, NL-3015, BJ Rotterdam, Nederlando; Aleksandr Harkovskij,

117449 Moskva, p.k. 325, Sovetunio; A.W. Thomson, Anglio (adreso ne kompleta); Donĉo Hitrov, 1463 Sofia, ul. Han Asparuh 61, Bulgario.

Ĉeestis la jarkunvenon krom la estraranoj Thormodsen, Esperov, Hitrov, Megalli, s-ino Brennan, Ĥarkovskij ankaŭ la ĵurnalistoj: Dimo Trudoljubov, 8600 Jambol, ul. Stambolijski 35, Bulgario. Krâstju Karucin, 1202 Sofia, bulv. Hristo Botev 102, Bulgario. Canko Murgin, 9704 Ŝumen-4, ul. Dede Agaĉ 9, vhod 2, Bulgario. Vera D. Arabova, 1408 Sofia, ul. Petko Karavelov 20, blok 77 B, Bulgario. Petar Vlasev, 4300 Karlovo, ul. Al. Stambolijski 35, Bulgario. Petja Dim. Kraĉeva, 1517 Sofia, ul. Botevgradsko ŝose, blok 8, staja 304, Bulgario.

======

Teĵanoj! Bonvolu kontroli ĉu via adreso estas preciza. Se ne, sendu al "I.J", la veran adreson!

---

AVERTO: N-ro I-I979 de "Internacia "Jurnalisto" aperos en monato Marto, 1979 jaro.

Forpasis niaj kolegoj: Vladas Kazlauskas, Kaunas kaj Anrej Rogov, Poltava, ambau de USSR.

---

**MARIA VOGEL**

**En la lasta momento, kiam estis presata la 8-a paĝo de "Int.Ĵ-sto nin trafis la malagrabla sciigo ke nia fidela ekseestrarino Maria Fogel (Stuttgart, FRG) forpasis la 25-an de novembro. Niajn kunsentojn kaj kondolencojn al la familio de la karmemora Vogel.**

---

Ĉefredaktoro: Ivan Keremidciev Esperov, I680 Sofia, kv. Borovo blok 2I9 B, Bulgario
Redaktoroj: Krastju Karucin kaj Minko Conkovski